Jaro 13 Aprilo 1961 N-ro 2



# LA INTERNACIA FERVOJISTO

ORGANO DE **I. F. E. F.**

LA INTERNACIA FEDERACIO ESPERANTISTA FERVOJISTA

Sekretariejo: Orteliusstraat 108.III Amsterdam, Nederlando

*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*



Stacio Termino Barcelono

# La tunelo

El Airolo en Svislando
fluas longa vojrubando
serpentume sur la ĝibo
de l' baranta montmasivo:
poste plonĝas kun zigzago
al la val' en kurba vago.

El Airolo tra malhelo
kuras la fervojtunelo
rekte sen hezit kaj dubo,
kiel revolvera tubo.
Supre iras vojo plekta,
sube... la tunelo rekta.

Iam por el unu valo
al la transa valo veni
oni devis sur spiralo
de la longa vojo peni.
Tra la montobloko spite
tranĉis nun la homa volo...
Mi rigardis kaj subite
lumis jena parabolo:

Ĉiu valo — jen nacio
monto estas lingva baro.
Sur ĝi rampas kun devio
nacilingvo al najbaro.
Esperanto en atako
boris tra la lingvobaro.
Ĝi per la potenca brako
sin proponas al homaro.

Dum ĝi kuŝas sub okuloj
ĉu ne estas vera honto
vidi tiom da blinduloj
ŝviti sur la granda monto?

Reto Rossetti

## EL LA SEKCIOJ

**Danio**

Post la printempa horarŝanĝo la 27-an de majo 1961 troviĝos Esperanto-teksto ankaŭ en la dana fervoja horaro publika.
Fine sukcesis al la DEFA-estraro pere de nia kolego Kongsvang kaj la ĉefo en la horaroficejo sinjoro supera oficisto Sørensen enpresigi Esperanto-tekston en la signoklarigo en nia horaro. La teksto troviĝas sur paĝo 28. (La IFEF-estraro tutkore gratulas DEFA pri tiu sukceso).

**Germanio**

Ni atentigas niajn gekolegojn jam nun, ke la Germana Esperanta Fervojista Asocio okazigos sian tiujaran jarkunvenon la 14-an kaj 15-an de oktobro 1961 en Heidelberg. Tiu romantika kaj rava urbo estas multevizitata kaj posedas internacie konatan universitaton. La komunikoj perfervoje kaj la varia programo ebligos la partoprenon ankaŭ al eksterlandanoj, kiujn ni kore invitas. La kunveno okazos en la moderna ĉefstacidomo.
Aliĝiloj estas haveblaj ne antaŭ la monato aŭgusto per la Germana Esperanta Fervojisto Asocio, Sekretariejo Frankfurt (Main), Karlstrasse 4-6, Germanio.

## LA LEGANTOJ PAROLAS

Estimata s-ro redaktoro. Ni volas sciigi vin pri nia laboro kaj pere de nia gazeto „Internacia Fervojisto" ni volas interkontaktiĝi kun similaj organizaĵoj en aliaj landoj.
En Varsovio 1959-an jaron fondiĝis Esperantista Rondo ĉe Fervojista Direkcio. Nia celo estas disvastigi esperanton inter fervojistoj kaj partopreni en ĝenerala esperanto-movado. Jen estas nia estraro: prez. inĝeniero Golaszewski, vicprez. J. Ilczuk, sekr. inĝ. S. Michalski, membroj Bednarczuk, Zabokliccka, Arszenik kaj Nowicki.
Grupo nia nombras ĉirkaŭ 50 gesamideanojn inter kiuj estas inĝenieroj kaj teknikistoj. La plejmulto estas novaj esperantistoj ĵus finintaj kursojn gvidatajn de s-anoj Arszenik kaj Michalski.
Nun ni planas organizi progresigan kurson. Nia rondo havas jam kontakton kun hungaraj samideanoj. Dufoje okazis ekskursoj al Hungario kiujn partoprenis po 30 personoj. Same ni gastigis hungarajn samideanojn en Pollando. Ni volas kontaktiĝi kun fervojistaj esperantistaj organizaĵoj en aliaj landoj por kunlabori, interŝanĝi spertojn kaj reciproke viziti unu la alian. De tempo al tempo vizitas nin unuopaj eksterlandaj esperantistoj, same niaj anoj veturis eksterlanden. En nia laboro ni spertas helpon de Pola Fervojista Sindikato, kiu favore sintenas al Esperanto.
Ni petas ĉiujn esperantistajn fervojistajn organizaĵojn kontaktiĝi kun ni. Bonvolu skribi al la adreso: Inĝ. S. Michalski, WARSZAWA 45, Mlociny Park, ul. Jamki 16, Pollando.

---

**DEZIRAS KORESPONDI**

Korespondi pri fakaj temoj kaj interŝanĝi lokomotivbildojn kaj fotografaĵojn, fervojistajn revuojn kaj gazetojn, uzitajn fervojbiletojn kaj horarojn diverslandajn deziras kaj petas Ruzicka Václav, DECIN VI, Krasnostudeecká ul. 731/69, Ĉehoslovakujo. Respondo garantiata.

---

## CIRKLO ĈIRKAŬ LA MONDO

La nederlanda radio-unuiĝo „AVRO" iniciatis serion da radio-elsendoj por infanoj (8—14 jaraj) en kiu Esperanto ludas ĉefan rolon. En kunlaboro de s-ro Korff intertempe efektiviĝis la iniciato pri kiu li informas vin ĉi-sube, esperante ke ankaŭ vi deziras kunlabori en ĝi.

**Celo:** Le celo estas pruvi ke per Esperanto ni povas formi cirklon ĉirkaŭ la mondon, alivorte: kontaktigi infanojn el ĉiuj mondpartoj.

**Rimedoj:** La nederlanda radio-unuiĝo ĉiumonate — je la lasta mardo de la monato, je la 16.30-a horo, ondolongo: 298 aŭ 402 m (1007 kc/s aŭ 746 kc/s) — elsendas por la nederlandaj infanoj specialan programon, kiu temas pri iu ajn lando. En tiu programo oni aŭdas infankantojn, -ludojn, -deklamaĵojn, parolitan leteron k.s. en Esperanto kaj parte en la nacia lingvo kun Esperantlingva klarigo. Je la fino de la elsendo oni petas la nederlandajn infanojn fari malmultekostan donaceton, memoraĵon (ekzemple desegnaĵon, memkoloritigitan bildkarton aŭ ion tian) kiu estas tipa pri Nederlando. Kelkaj infanoj ekz. ensendis florbulbon, paron da lignaj ŝuetoj, memfaritan muelilon k.s. Samtempe oni anoncas, ke la nederlandaj infanoj ricevos interŝanĝe donaceton el la lando pri kiu oni ĵus aŭdis.

**Via tasko:** Se vi deziras kunlabori en tiu ĉi tre interesa „cirklo ĉirkaŭ la mondo" (la nomo de la programo) necesas ke vi povu disponi pri magnetofono por kompili vian programon sur sonbendon. Rapideco ne gravas; uzu la plej rapidan kiun via aparato ebligas. La programo daŭru ne pli longe ol duona horo entute. Ankaŭ estas necese ke vi havu kontakton kun infangrupo kiu parolas Esperanton, kaj ke vi povu kunlaborigi ankaŭ aliajn infanojn. En Nederlando kunlaboras pli ol 200. Estas preferinde ke, se eble, en via lando kunlaboru sama kvanto, por ke ĉiu ricevu ion.
Se vi ensendas sonbendon, vi bonvolu aldoni skribitan leteron en kiu vi menciu la nomojn de la kunlaborintoj kaj la aĝojn.

**Kion ni faras por vi?** Post uzo de via sonbendo ni resendas ĝin al vi kun alia programo de nederlandaj infanoj. Tiun programon eble vi povas uzi por entrepreni ion saman ĉe via radio-unuiĝo. Krome vi do ricevos la donacetojn de la nederlandaj infanoj.

Jen do la „cirklo ĉirkaŭ la mondo". Sendube vi estos same entuziasma pri la eblecoj, kiel ni. Sendu do baldaŭeble sciigon ke ankaŭ vi kunlaboros, kun indiko je kiu dato oni povos atendi vian sonbendon. Sendu ĉion al s-ro A. M. D. Korff, Hengelolaan 1027, Den Haag, Nederlando.

---

### KAMPADEJO Dr ZAMENHOF

La urbestraro de Valon Pont d'Arc decidis unuanime doni la nomon de D-ro Zamenhof al la publika kampadejo de tiu bela urbo situata apud rivero „Ardèche" en mirige pentrinda turista regiono.
La inaŭgurado okazos la 23-an de julio kun la helpo de diversaj instancoj kaj de la Radio-Televido.
Ĉar temas pri la unua tiaspeca kaj grava manifestacio, ni invitas ĉiujn esperantistojn, tendumantojn aŭ ne, sendi gratulleteron aŭ -karton al S-ro Henri Ageron urbestro de Vallon Pont d'Arc (Ardèche); plani partopreni la Internacian Semajnon, kiu estos tiuokaze organizata, kaj kies tre alloga ĉiutaga programo estas havebla ĉe Groupe Esperantiste du Vivarais, Chemin de Baza, AUBENAS (Ardèche), Francio. Bonvolu aldoni 2 poŝtmarkojn je 0,25 NF aŭ 1 resp.-kuponon por la respondo.

---



# *Jubileo de la Germanaj fervojoj*

**Rerigardo**

La historio de la fervojo komenciĝis per la... rado. Iu homo eltrovis ĝin en nekonata pasinteco. Li tranĉis cilindrojn el arbotrunko kaj interligis ilin. Baldaŭ flegmaj bovoj tiris pezajn ĉarojn tra sablo kaj ŝlimo. Sed jam niaj praavoj ekkonis, ke radoj rulas pli facile sur vojsulko. La partoprenintoj de la GEFA-jarkunveno en Trier vidis, kiam ili vizitis la romanajn ruinojn, antikvajn ŝtonvojojn kun sulkoj, en kiuj iam turniĝis la radoj de la romanaj veturiloj. La egala larĝeco de la sulkoj estis preskribita en la tuta tiam romana teritorio.

Pasis jarmiloj. La homo eklernis la prilaboron de la minaĵoj. La lignajn radojn anstataŭis radoj el fero. En la minejoj la feraj radoj ruliĝis unue sur lignaj reloj. Pro la malglateco estis ankoraŭ penige. Oni fiksis feron sur la lignajn relojn.

En 1767 angla inĝeniero formis unuafoje la „feran vojon", se oni sub la nocio „fervojo" komprenas la trakon.

Aliaj eltrovaĵoj sekvis. Ekz. la formo de la nuntempe ankoraŭ uzataj relo kaj trako. Speciala tipo estis la ĉevalfervojo, kia konserviĝis en kelkaj urboj ĝis antaŭ 50 jaroj. Sed ankoraŭ ne ekzistis la lokomotivo. En 1770 la franco Cugnot konstruis gigantan vaporĉaron. Mi jam menciis ĝin raportante pri la trafikmuzeo en Nürnberg.

La anglo Richard Trevithick konstruis lokomotivon, kiu kapablis tiri kvin vagonojn kun sepdek personoj kaj dek tunoj da fero.

Brunton, same anglo, eltrovis vaporĉaron bazantan sur la sistemo de ĉevalhufoj. Eble oni povas kompari la tiaman situacion kun la tempoj, antaŭ ol Esperanto estis kreita.

**La fervoja epoko komenciĝis en Britio**

La tempo estis matura, sed mankis ankoraŭ la geniulo, kiu kapablis doni al la homaro la bezonitan inventon. Tiu persono estis la anglo George Stephenson. En la aĝo de 15 jaroj li ankoraŭ ne sciis legi kaj skribi, sed 33-jara (1815) li konstruis sian unuan vaporlokomotivon. En 1823 oni komisiis al li konstrui la unuan anglan fervojlinion inter Stockton kaj Darlington. Okaze de la malfermo de „lia fervojlinio" inter Manchester kaj Liverpool, sep jarojn poste, oni honorigis lin per la titolo „Napoleono de la tekniko".

**La evoluo en Germanio**

En tiu tempo en Germanio la poŝtkaleŝoj ankoraŭ regis la trafikon. Oni fieris vojaĝi en 40 horoj de Stuttgart al Frankfurt per kaleŝo. Hodiaŭ la fervojo bezonas 2 horojn kaj 20 minutojn.

Ne ekzistis unuecaj mezuroj kaj pezoj. Eĉ la tempo de la horloĝoj variis, kiam oni trapasis unu el la multnombraj landlimoj. Sed tamen la homoj interesiĝis pri ĉiu novaĵo kiel neniam antaŭe. La informoj pri la unuaj fervojoj en Britio pliriĝigis la fantazion kaj la energion de multaj kapablaj kaj antaŭvidantaj viroj. Friedrich List fariĝis la „tragedia Germano". Lia projekto konstrui tutgermanan reton de fervojaj linioj, kia jardekojn poste efektiviĝis, trovis tiutempe akran reziston. En München Joseph Ritter von Baaden apelaciis al ĉiuj en Germanio pri la fervojo kiel estontgvidanta trafikilo. En Nürnberg Johannes Scharrer, la direktoro de la politeknikaj lernejo okupis sin pri la organizado de la konstruota fervojlinio inter Nürnberg kaj Fürth, kiu fariĝis la scenejo de la unua germana fervojo. La inĝeniero



Paul Camille von Denis transprenis la gvidon de la konstruado. Unu kaj duonan jaron post la havigo de la reĝa privilegio kaj post la eldono de fondakcioj al interesigitaj burĝoj, la fervojlinio estis finkonstruita. Estis la 6-a de decembro 1835. Sub la aplaŭdo de miloj da homoj Wilson, la angla lokomotivestro kaj Hŭronimus, lia hejtisto, grimpis la lokomotivon „La Aglo" kaj kun ili multnombraj honorgastoj la naŭ feste ornamitajn vagonojn. La tri provaj veturoj kontentigis. La sekvintan tagon la regula trafiko ekfunkciis. La bonfama lokomotivestro cetere restis poste en Nürnberg. Lia salajro superis tiun de la direktoro de la fervoja kompanio.

Ne estas la spaco ĉi tie por nur aludi la diversajn stadiojn de la posta evoluo. Tro multe okazis dum la sekvaj jardekoj en teknika, jura, ekonomia kaj administracia rilato. Regresoj ne forrestis kaj malamikaj agoj, sed fine la progreso venkis. La renkonto kun la tekniko, kiu superis grandajn distancojn senpere kaj pli rapide ol jam antaŭe, kunhelpis forigi la fatalan suverenecon de malgrandaj ŝtatoj. Ankoraŭ validas la profeta eldiro de la supre citita Scharrer: „La invento de la fervojo pervapora estas tiel neimageble grava por la materia trafiko inter la ŝtatoj kaj por la interligo de la popoloj kiel la eltrovo de la presarto por ilia spirita trafiko".

**Jubileaj aranĝoj**

Modelon de la unua trajno — la originala bedaŭrinde ne plu ekzistas — oni manovris el ĝia muzea kvieto kaj transdonis al ĝi la ĉefrolon en la kolorfilmo „Per la Aglo komenciĝis..." (Eble GEFA prezentos ĝin okaze de sia jarkunveno 1961 en Heidelberg). La 6-an de decembro 1960 ripetiĝis sub pluva vualo la historia veturado de Nürnberg al Fürth. Ne mankis je honorgastoj, kiuj lasis sin malkomforte transporti dum 20 minutoj. Reen ili rajtis uzi la nuntempe plej modernan trajnon, la Trans-Eŭrop-Ekspreson. Poste, okaze de la festceremonio en la teatro de Nürnberg, parolis i.a. la federacia prezidanto Lübke, la federacia trafikministro d-ro Seebohm, la fervoja prezidanto d-ro Oeftering kaj reprezentantoj de eksterlandaj fervojaj administracioj. Dum la jubileaj tagoj la stacidomoj en Germanio montris ornamaĵojn kaj allogajn afiŝojn. Oni eldonis oran memormedalon, kaj la poŝto en okcidenta kaj orienta Germanio demonstraciis sian solidarecon per speciala poŝtmarko. La gazetara, filma radia kaj televida servoj informis detale kaj objektiva. Ilia opinio unuece tendencis, ke la fervojo estas ankoraŭ aktuala en nia moderna tempo. La grandioza invento de teknika helpilo, kia estas la fervojo, renkontis obstaklojn hodiaŭ apenaŭ imageblajn. Des pli malfacila estas la enkonduko de spirita eltrovaĵo, kia estas la internacia lingvo Esperanto. Tro multe da psikologiaj obstakloj devas esti forigataj kaj tro multe da antaŭ kondiĉoj devas esti plenumitaj, antaŭ ol la oficialigo povos efektiviĝi. Pro tio precipe ni fervojistoj ne perdu la kuraĝon, se la ideo de internacia lingvo ne tiel rapide progresas kiel kelkiu teknika invento. Ni propagandu dignamaniere kaj serĉu adeptojn aŭ almenaŭ




simpatiulojn. Pri Zamenhof validas la sama, kion esprimis la „Informoj de la Germana Federacia Fervojo" (Bundesbahn-Mitteilungen) okaze de la jubileo: „...ĉiuj grandiozaj viroj, al kiuj ni ŝuldas dankon pro gravaj inventoj aŭ eltrovoj, fariĝis imponaj nur per tio, ke ili estis konvinkitaj pri la ĝusteco de siaj ideoj kaj obstine batalis por ĝia efektivigo".

W. Barnickel




*Ke ankaŭ niaj germanaj gekolegoj obstine batalas por la efektivigo de siaj ideoj, klare montriĝas el la apuda foto, kiun ni trovis en GEFA-Bulteno n-ro 4, kun la simpla aldono „NIA AFERO PROGRESAS". (red. L.I.F.)*

# RADIO-ELSENDOJ EN ESPERANTO

**Parolas Varsovio**

Radio Varsovio disaŭdigas ĉiutage de la horo 16,30 ĝis 17,00 de mezeŭropa tempo duonhoran programon en Esperanto sur la jenaj ondoj: mallongaj: 25,39, 31,01, 31,45, 31,50, 41,01, 42,11 kaj 48,43 m kaj sur la meza 249 m.

**Svisa Radio**

La tradicia horaro de la esperantaj elsendoj en la svisa mallongonda radio estas anstataŭata per novaj tempoj. Ekde la 8-a de majo 1961 la elsendo de d-ro Arthus Baur okazos lunde je 13,20 kaj ĵaŭde je 22,15; la elsendo de prof. Edmond Privat okazos merkrede je 13,20 kaj sabate je 22,15 mezeŭropa tempo.
La ondoj estas: 48,66 kaj 31,46 metroj; tagmeze 13,94 kaj vespere 25,61 m.
La novaj tempoj ebligos al personoj, kiuj ĝis nun eble ne havis tempon je la fiksitaj horoj, aŭskulti la svisan Esperanto-programon.
Bonvolu skribi pri via spertoj, kritikoj kaj deziroj al Svisa Kurtonda Radio, Esperanto-fako, Neuengasse 23, Bern, Svislando.

# ĈEĤOSLOVAKAJ LOKOMOTIVOJ

En aŭstruja gazeto „Die Eisenbahn" n-ro 12, j. 1959 aperis tre interesa artikolo de Adolfo Hofbauer rilate konstrukcion de elektraj lokomotivoj laŭ estetika vidpunkto. Sur paĝo 194 oni povas legi:
„Ankaŭ la Ĉeĥoslovakaj Ŝtataj fervojoj kreis per vico E 499 unu el la plej belaj lokomotivoj de nia kontinento, kiu sin karakterizas per hela farbotego kaj hela bluo, krom eksterordinare bele aranĝita ornamlatoj, rondformoj flankfenestroj, ruĝa antaŭajo kun bufroj, ruĝaj tabuletoj, indikataj per bronzaj ciferoj la lokomotivovicon kaj fine per helgrizaj boĝioj. Oni devas krome

ankoraŭ rimarkigi ke en ĉi tiu lando la elektrifikado de fervojoj ne ankoraŭ tiel longe estas progresanta, sed ke malgraŭ tio, sendispute tie jam veturas la plej belaj lokomotivoj en la mondo".
Tio certe estas recenzo flata, kiu trafe aprezas nian laboron. Sed al tio oni devas ankoraŭ aldoni, ke la menciitaj koloroj — kiel konate — estis jam laŭtempe ŝanĝitaj.

Esperantigis V. Rozeto, Dĕcin.

## Esperanto-kalendaro por 1961

**11-6 ĝis 17-6**
Internacia Esperanto-Feriosemajno en Wien.
Adreso: AFEF-Wien, Postamt 76, Schliessfach 117, Aŭstrio.

**24-6 ĝis 2-7**
Feriosemajno de la Svisa Asocio de Esperanto-Fervojistoj en Grésilon (Francio). Esperantistoj kaj germanlingvanoj estas bonvenaj.
Informoj: Kurt Greutert, Via Lugano, GIUBIASCO (Svislando).

**29-7 ĝis 4-8**
Kongreso de SAT en Gent. Adreso: Albert Bracke, Tulpstraat 52, Gent, Belgio.

**29-7 ĝis 5-8**
14-a KELI-kongreso en Bishop's Stortford.
Adreso: Hockerill Training College, Bishop's Stortford, HERTS, Anglio.

**5-8 ĝis 12-8**
46-a Universala Kongreso de Esperanto en Harrogate.
Adreso: 46-a Universala Kongreso de Esperanto, Harrogate, Anglio.

**14-8 ĝis 28-8**
Internaciaj Ferio-semajnoj en Thesaloniki.
Adreso: „Vivo kaj Sano", Poŝtkesto 131, Thesaloniki, Greklando.

**2-9 ĝis 9-9**
10-a Internacia Feriosemajno en Zwolle, Nederlando.
Adreso: T. M. Blauw, Begoniastraat 2, Zwolle, Nederlando.

**11-8 ĝis 17-9**
3-a Internacia Feriosemajno sur la Kormonto (Herzberg) apud Aarau.
Adreso: Hans Hunkeler, Esperanto-Poŝtfako 417, AARAU, Svislando.

**23-9 ĝis 30-9**
Ban-Feriosemajno de la Svisa Asocio de Esperanto-Fervojistoj en Cervia (Italio) apud la Adriatiko. Esperantistoj kaj germanlingvanoj estas bonvenaj. Informoj: Otto Walder, Waldmannstrasse 10, Romanshorn, Svisio.

---

## LOKOMOTIVISTO PERDIS SIAJN TRI GEFILOJN

En la lastaj semajnoj de la hispana milito estis evakuitaj el la lernejo „Kastell Florit", Figueras-Gerone al Ruslando la infanoj Paulo, Karminjo kaj Ruperto Marin. La patro Paulo Martinez Marin, lokomotivisto en la stacio Barcelono Termino faris ĉion eblan por retrovi siajn infanojn, sed ne sukcesis. Kiel lasta rimedo li turnas sin al siaj kolegoj esperantistoj, esperante ke iu el ili povas doni al li informojn, kiuj rezultas ilian retroviĝon. Se ili ankoraŭ vivas ili estas 32, 30 kaj 28 jaraĝaj.

---

Redaktoro H. Hoen, Von Liebigweg 7, Amsterdam-O, Nederlando